# juna amiko




INTERNACIA KVARONJARA LERNEJANA ESPERANTO-REVUO

ilei

INTERNACIA
LIGO DE
ESPERANTISTAJ
INSTRUISTOJ

NUMERO
60
92/1

## Enormaj transformoj!

Nia kovrilo certe jam avertis vin! Kiom eventoplenaj estis la monatoj post nia antaŭa numero, kaj en la vasta mondo, kaj en nia. Do, mi rakontu. En la jarfino, la estraro de Hungaria Esperanto-Asocio decidis, ke ĝi ne plu povos eldoni nian revuon. Sekve ni devis multe labori por konvinki iun alian transpreni la taskon.

Niaj legantoj certe jam konas ILEI: La Internacian Ligon de Esperantistaj Instruistoj. Ĝi jam eldonas revuon por instruistoj, kial ĝi ne eldonu ankaŭ unu por la lernantoj? Feliĉe bupluraj el ĝiaj estraranoj venis al Budapeŝto fine de februaro por kunsidi, kaj tie ili konsentis pri la nova tasko. Tio estis kuraĝa decido por ili, ĉar la mono bezonata por *Juna amiko* en unu jaro egalas al duono de la tuta mono, kiun la Ligo elspezas en jaro.

ILEI konsentis lasi la redakcion en Hungario kaj ĝi plenumos la laboron kunlabore kun sia hungara sekcio. La internacia ILEI prenos la financan riskon, sed la hungara sekcio devas sekvi kaj obei la tre komplikajn novajn ekonomiajn leĝojn en Hungario, kaj devos pagi eksperton por fari tion. Ĝuste pro la kosto fari tion, HEA rezignis pri la eldonado.

Ni ne sukcesis ĝis nun daŭrigi la kunlaboron kun la distribua kompanio HELIR, kiu verŝajne ne plu peros la revuon. Se iu jam abonis ĉe ili por 1992, tiu eble iam ricevos sian monon. Tiukaze, kontaktu la hungaran ILEI-sekcion pri rekta pago.

Nia reto de perantoj tra la mondo restas senŝanĝa, ĉiuj abonoj pagitaj al ili atingis aŭ atingos nin kaj estas plenumataj. Same, la abonservo de UEA pluperas la revuon. Por perantoj, la konto *juna-l* ĉe UEA funkcias daŭre.

Ekde nun ankaŭ la kasisto de ILEI pretas akcepti abonojn, ĉu de unuopuloj, ĉu de perantoj. Li akceptas abonojn nur en svedaj kronoj – por unuopulo la abono kostas 40 SEK.

Ni forte bezonas ekstrajn laborfortojn en la redakcio; la transiro al alia eldonisto kostis al ni du monatojn kaj ni urĝe devas rekapti nian malfruon. Sekve help-redaktoro iĝas Esperantina Mirska, polino loĝanta en Budapeŝto. Ŝi prezentas sin sur aparta paĝo en ĉi tiu revuo. Kaj aliaj novaĵoj? Alipaĝe!

Juna amiko – internacia revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI). Aperas kvarfoje jare: februare, aprile, septembre, novembre.

Redaktoro: Stefan MacGill

Help-redaktoro: Esperantina Mirska

Adreso de la redakcio: Juna amiko, pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

Abonprezo en Hungario: 120 forintoj ĉe Hungara ILEI-sekcio: M. Kovács, Ady Endre u. 23-25c, H-1221 Budapest.

Abonprezo por reform-eŭropaj landoj: 250 forintoj. Prezo ĉe la abonservo de UEA: 12,00 gld. Ĉe la kasisto de ILEI: 40 SEK (B. Andreasson, Södra Rörum pl. 455, S-242 94 Hörby, Svedio. pĝk: 682117-7 (Stokholmo) Perantoj en tridek landoj aplikas enlandajn tarifojn kaj proponas rabatojn por kvantaj mendoj.

Anonctarifo: Kvaronpaĝo: 400ft en Hungario, 40 gld. aŭ kvar jarabonoj en aliaj okcidentaj valutoj. Duonpaĝo: 600ft, 60 gld. aŭ 6 jarabonoj. Tuta paĝo: 800ft, 80 gld. aŭ 8 jarabonoj.

Nu, en la lasta numero ni rakontis pri niaj luktoj pretigi la numeron antaŭ la altigo de la poŝtaj tarifoj. Ni ne sukcesis (pli ĝuste nia presejo ne sukcesis), sed ne gravis, ĉar la poŝto mem ne sukcesis enkonduki la altigojn en la atendita tago (verŝajne ankaŭ ilia presejo malfruis!). Vi ne miros scii, ke ni serĉis intertempe alian presejon, kaj trovis unu, kiu plenumos la laboron je la duono de la nuna kosto kun promeso pri la sama kvalito. Do, ni vidu!

Kaj ni sukcesis solvi iom da abonoj por Rumanio – malpli ol pasintjare sed bona nombro konsiderante la kvarobligon de la prezo. Kun Rusio kaj Ukrainio ni konsentis per interŝanĝoj pri ducent sepdek abonoj, jam pli ol pasint-jare. Kun baltaj respublikoj ni antaŭvidas iun solvon. Sed abonoj el okcidento iom malrapide enfluas, eble pro la internacia ekonomia stagno.

Pri tiu stagno verŝajne ne aŭdis la hungara Ministerio pri Kulturo. Ni ricevis de ĝi inviton partopreni konkurson por indaj gazetoj. Kvankam ni ne supozis, ke ni gajnos, ni provis. Ni ja ne gajnis, sed nia peto pluiris al alia fako, kaj tiu konsentis elpagi nian petatan 150.000 forintoj. Tio estas kuraĝiga signo, ke ankaŭ la novaj instancoj pretas subteni Esperantajn projektojn.

Aldone, HEA decidis doni al la revuo adiaŭan subtenan donacon de 50.000 forintoj. Kune tio donas bonan komencon por la nova eldonisto!

Estas la ĝusta momento danki al HEA kaj al la antaŭaj redaktoroj, pro la persisto porti la revuon tra 18 ĉiam pli malfacilaj jaroj, kaj esperi, ke ILEI zorgos per senlaca obstino pri ĝia prospera pluiro.

Jen, rakontinte,

*Stefan MacGill*
*7 aprilo 1992*

**Apoga materialo por la paĝo 47 de *Tendaraj Tagoj*, kajero 2:**

# Progreso!

La grava komercisto saltis el taksio ĉe la Pariza flug-haveno, pasis al la giĉeto kaj prezentis sian unuaklasan bileton, dum portistoj altiris liajn valizojn. Post tridek minutoj da doganistoj kaj kontrolistoj, li jam sidis komforte en la renoma franc-angla aviadilo *Konkordo*, kaj post kvardek ĝiaj motoroj bruegis kaj impetis lin kun la aliaj cento da pasaĝeroj supren. Tuj post forlaso de Francio, super la Atlantiko, la aviadilo rompis la sonbaron. Post horo ĝi malrompis ĝin, elmetis la radojn kaj surteriĝis en Nov-Jorko. Ĉar li estas gravulo, post nur dudek minutoj li sidis en sia limuzino. Tie li meditis:

"Ho, ve! Tri horoj perditaj pro tiu longa teda flugo – horo de mia tempo valoras al mia kompanio dumil tricent okdek kvar dolarojn, do tri horoj valoras ... kiom?"

Li tik-takis la butonojn de sia sursina komputilo kaj ene de ducentono da sekundo ĝi jam sukcesis respondi: *Datum-eniga eraro!* Li do rezignis pri tiu demando kaj petis ĝin, kiel oni veturos trans la Atlantiko post dek jaroj.

"En la jaro 2002, via ekscelenco," ĝi respondis: "Oni veturos per spac-volano, en 40 minutoj. Sed la volano estos tre brua kaj bezonos alteriĝejojn longaj je 20 kilometroj. Do, la volan-haveno por Parizo troviĝos inter Clermont-Ferrand kaj Bordeaux, kaj tiu por Nov-Jorko ie inter Florido kaj Alabamo. Sed la moderna trajno TGV portos pasaĝerojn de Parizo al la volan-haveno je 450 km/h en nur 80 minutoj. Kaj raket-buso sur ŝoseo larĝa je 800 metroj portos la



pasaĝerojn de la volanejo ĝis Nov-Jorko en nur 2 horoj. Kaj je la alveno, grava komercisto meditos:

"Ho, ve! Tri horoj perditaj pro tiu vojaĝo!" kaj li demandos sian surbrakan komputilon: "Kiel oni transiros la Atlantikon post dek jaroj?"

Ĝi respondos: "Via moŝto, en la jaro 2012 la vojaĝo daŭros 15 minutojn per..... ..... ....., sed ..... ......... "

**Vi finu la rakonton! Sendu al ni vian respondon. Al la plej bona ni juĝos premion – la duan kajeron de *Tendaraj tagoj* – kie aperas la supra mapo kun pli konciza priskribo.**

**Letero el Albanio:**

Estimataj Gesinjoroj, nin ĵus atingis Via bela, interesplena revuo *Juna amiko* n-ro 91. Sur paĝo 10, Vi aperigis informon pri nia Asocio kaj agado per ekstarigo de lernokursoj de Esperanto. Dankon! Ni bone komprenas, ke vasta legantaro de *Juna amiko* en pli ol 50 ŝtatoj pli bone konatiĝos kun nia lando kaj ĝia E-movado. Certe ni plue kunlaboros kun Vi: tutaj rubrikoj aperantaj sur paĝoj de via revuo indas nian interesiĝon kaj aplaŭdon. Ekzemple, neforgesebla estos renkontiĝo de esperantistaj familioj. La ideo mem estas interesplena. Se Esperanto fariĝus vere familia, E-afero antaŭenmarŝus grandpaŝe. Volonte junularaj E-grupetoj en Albanio partoprenus ludon per bildkartoj por pli bone koni la mondon, kiel tion proponas sur p. 7 la E-Klubo en San Diego. Post kelkaj monatoj niaj lernokursantoj scipovos bone legi kaj paroli esperante, tial ili bezonus nepre pli grandan kvanton da ekzempleroj de *Juna amiko*, aboninte aŭ aĉetinte ĝin ĉe nia libroservo. Ni fariĝos Via peranto por Albanio, ĉu ne?

*Gafur Muĉo*
*Prezidanto de A.E.L.*

(Certe! Kaj gratulon! – red.)

Personoj dezirantaj aboni nian revuon en Skandinavio povas tion simple fari ĉe la kasisto de ILEI: B. Andreasson, Södra Rörum pl.455, S-242 94 Hörby, Svedio: postĝirkonto 682117-7 (Stokholmo). Perantoj povas transigi abonsumojn ĉu al UEA, ĉu al tiu konto, sed kun pago-klarigo! Unuopa abono: 40 svedaj kronoj.

# La kartludo rumio

**La kartaro de rumio.**

Rumio estas kartludo por du aŭ pli da ludantoj. La kartaro konsistas el 61 kartoj: 15 tem-grupoj kun po 4 identaj aŭ similaj bildoj (ekzemple floroj, ŝipoj, konstruaĵoj, pejzaĝoj, sportoj, aŭtomobiloj k.s.) kaj unu ĵokero. La ĵokero ne apartenas al iu tem-grupo sed povas laŭvole anstataŭi iun ajn karton. Se estas pli ol du ludantoj, estas konsilinde uzi duoblan kartaron, t.e. 122 kartojn: 15 tem-grupojn kun po 8 kartoj plus 2 ĵokeroj.

Vi povas facile fari vian propran kartaron, tondante konvenajn bildojn el gazetoj, magazinoj, turismaj faldfolioj kaj broŝuroj, reklam-publikigaĵoj, komercaj katalogoj ks. Unue tranĉu sufiĉe grandan kvanton da kartoj el maldika kartono. La dimensioj estu 6x9 cm. Sur unu flankon de ĉiu karto gluu bildon kaj kovru la dorsflankon per papero, ekzemple tapeto, havanta simplan ripetiĝantan desegnon. Poste rondigu la angulojn de ĉiu karto. Aldonu al la 4 aŭ 8 kartoj apartenantaj al la sama tem-grupo simplan geometrian formon, kiu funkcias kiel identigilo. La kartaro nun estas preta por ludi rumion.

**La reguloj de la ludo.**

Oni elektas la disdonanton, donante al ĉiu ludanto arbitran nombron da kartoj; kiu ricevas la ĵokeron, estas la disdonanto por tiu partio. Post intermiksado de la kartaro, dek kartoj estas disdonitaj al ĉiu ludanto laŭvice maldekstre de la disdonanto. La talono aŭ kartoj restantaj ĉe la disdonanto post disdonado, estas metita frontmalsupren meze de la tablo. La plej supra karto estas transturnita kaj metita frontsupren apud la talono. Ludantoj devas teni siajn kartojn en la manoj tiel, ke aliaj ludantoj ne povas vidi la bildflankojn.

La celo de rumio estas kolekti en la mano grupojn de 3 aŭ 4 samtemaj kartoj. La ludanto maldekstre de la disdonanto komencas la ludon, kiu antaŭeniras laŭ la direkto de horloĝmontrilo. Ludanto povas aŭ preni la plej supran karton de la talono aŭ la karton, kiu montriĝas apud la talono. Se li povas uzi la karton, kiun li prenis de la talono, li metas ĝin en sian manon kaj formetas unu el siaj kartoj frontsupren apud la talono. Se li ne povas uzi la prenitan karton, li same formetas ĝin apud la talono. Ludanto rajtas preni videblan karton nur se li havas en sia mano du aŭ tri samtemajn kartojn por formi grupon. Tiun grupon li demetas antaŭ si sur la tablon kaj poste for-



metas unu el siaj kartoj, por ke li ne havu entute pli ol dek kartojn. Ludanto rajtas preni nur la plej supran karton el tiuj, kiuj kuŝas apud la talono. Ne estas devige tuj surtabligi triopojn aŭ kvaropojn da kartoj kolektitajn en la mano de ludanto. Se ludanto jam demetis tri kartojn de unu aŭ pluraj grupoj, kaj je lia vico aperas videbla karto apud la talono, kiun li povas uzi por formi kvaropon, li rajtas preni ĝin por aldoni al la triopo. La ludado daŭras ĝis unu el la ludantoj sukcesas demeti ĉiujn siajn 10 kartojn, aranĝitajn en grupojn de tri aŭ kvar samtemaj kartoj. Li anoncas *rumio* kaj fariĝas la gajninto de tiu partio. Dum la ludado oni devas esti atenta kaj ne formeti tro frue bildojn apartenantajn al tem-grupoj, kiujn aliaj ludantoj kolektas. Tion oni povas fari, kiam oni jam estas preta voki *rumio*.



**La lingvolerna celo de rumio.**

Por akiri praktikon en la uzo de la parola lingvo, ĉiu ludanto devas havi eblon vidi la bildojn en la kartaro antaŭ la komenco de la ludo por povi lerni la nomojn de la objektoj kaj la personoj kaj ankaŭ aliajn vortojn kaj esprimojn utilajn por priskribi la enhavon de la bildoj. Dum ludado, ludanto, kiu formetas kartojn, demetas sur la tablon triopon aŭ kvaropon da kartoj, aŭ prenas el la frontsupraj kartoj apud la talono, devas per kelkaj simplaj frazoj priskribi la bildon. Kiu ne kapablas fari tion, devas rezigni ludon dum tiu vico.

*GOLDEN Bernard*
*Damjanich u. 1 c. I. 8, H-8200 Veszprem*

Ni pardonpetas pro la mane faritaj supersignoj en kelkaj paĝoj. Ni volis ankaŭ refari pli bele la du enkondukajn paĝojn. Sed tio postulas aliron al printilo kapabla presi la supersignitajn literojn. Tio nun fariĝis reale malebla ĝis post pasko. Por ne perdi ankoraŭ dek tagojn, ni misuzas ekstermovadan maŝinon por havi rezulton tuj. Iam ni akiros propran komputilan sistemon por *Juna amiko*, por povi memstare, fleksebl kaj rapide pretigi viajn revuojn! Kia revo! 15 apr

# La malnova boato

Bluaj fajreroj saltadis al al ĉielo, oraj lumoj karesis, vekadis la grandan lagon je ĉi tiu julia mateno same kiel antaŭ pluraj jarcentoj kaj jarmiloj, kiam la lago Balatono naskiĝis. La hirundino Fani jam formanĝis la freŝan matenmanĝon – insekton en la laŭborda kanejo kaj nun balancis sin gaje surkane. Facila vento blovis kaj kiam ĝi fleksadis la ŝalmon de la plantaĵoj, ili ekfleksis sin rigide superakve. Ili klinadis sin gracie salute al la ondoj krispigantaj de tempo al tempo la glatan akvon. La afero plaĉis al Fani, ja ŝi povis samtempe balanci kaj rigardadi sin en la akvo. Subite ŝi ekatentis bruon. Turninte sin al la bruo, ŝi ekvidis ĉenitan malnovan boaton. La ondetoj alkuris ĝin plaŭdante, poste ili retiriĝis, sed ŝajnas, ke eĉ tiu delikata bateto estis troa; ĉiu tremo de la malnova surakva veturilaĉo grincis kaj ĝemetis kune kun ĉeno kaj penda seruro. Fani iĝis scivola kaj surflugis la randon de la boato.

"Kial vi ploras?" ŝi demandis.

"Mi ne ploras, mi nur laciĝis " respondis la boato.

"Ĉu multfoje vi iris surakve?" demandis plu Fani.

"Jes. Sed de kiam mi renkontis la Tempon, jam ne."

"Pri la tempo mi jam aŭdis. Estas mateno kaj vespero kaj nokto..."

"Jes, jes..." grincis la boato.

"Sed, ĝi estas iomete alia. Kiun mi renkontis, tiu estas la Tempo kun multaj vesperoj, noktoj kaj matenoj. Sur kies dorso sidas la jaroj. Ĉi tiu tempo iras kaj venas, neniam ripozas, neniam haltas. Dum ĝia iro kaj veno la jaroj eksidas sur la ŝultron de aliuloj. Tiujn de homo kaj besto, krome plantaĵoj kaj objektoj. Pli kaj pli da jaroj esksidas sur ĉies ŝultroj. Finfine tio estas tiom multa, ke oni laciĝas sub ili."

"Kiom da jaroj sidis sur viaj tabuloj?" demandis la hirundino.

"Eble eĉ kvindek. Mi ne scias tion certe ĉar mi ne ĉiam estis boato. Mi estis ankaŭ vivoplena arbo ".

"Ĉu arbo...?"

"Jes, arbo. Inter mia foliaro ripozis birdoj. Vento tiradis mian branĉaron, suno karesis miajn folioj. Poste iutage... Tio tre doloris... Oni elhakis min. Oni faris tabulojn el mia trunko. Poste la tabuloj iĝis boato..."

"Ĉu vi estis malĝoja?"

"Ne. La arbaro kaj la akvo estis belaj. Mi estis eĉ feliĉa, ĉar mi ne malproksimiĝis de la naturo. Mi estus povinta iĝi ankaŭ subtegmentaj tabuloj."

”Ĉu la multaj jaroj neniam elĉerpiĝos de sur la ŝultro de la Tempo?”

”Neniam, neniam”– movis la boato si-an ĉenon. ”Jaroj post jaroj naskiĝos kaj okupos la lokon de la pasintaj. Same kiel naskiĝos hirundidoj, violoj kaj infanoj”.

VORTKLARIGOJ
karesi: delikate tuŝi
ŝalmo: kordohava muzikilo
grinci: soni kiel neoleumita pordo
seruro: ŝlos-aparato
plaŭdi: bateti kontraŭ akvo
sulkiĝi: iĝi malglata.

”Kion vi faras nun?” demandis la hirundino post iom da silentado.

”Mi ripozas. Sed eble oni forgesis min”.

”Kial vi supozas tion?”

”Iam mi iradis surakve kun forta viro. Ĉiuvespere li hejmeniris kun multaj fiŝoj en la reto. Ni estis amikoj. Ju pli da Tempo pasis, des pli ni komprenis unu la alian. Mi ne vidis lin de almenaŭ kvar someroj. Eble ankaŭ li ripozas. Li ege ŝanĝiĝis dum la lastaj komunaj fiŝkaptadoj. Liaj haroj griziĝis, lia vizaĝo sulkiĝis, li jam ne tenis tiel rutine la reton kiel antaŭe. Kiam li ĉenis min ĉi tien, estis jam aŭtuno. 'Mia malnova amiko, ankaŭ vi meritas ripozon' – li diris kaj foriris. De tiam mi ne vidis lin”. La hirundino Fani balancis sin sur la rando de la boato. De sur la ondetoj frapetiĝis akvogutetoj sur ŝiajn plumojn, sed ŝi eĉ ne rimarkis tion. Ŝi pensis nur pri la Tempo.

*Verkis: Cecília S. Szigeti*
*Tradukis: István Takács, Marcali, Hungario.*



## Meteologia alvoko

La Kooperativo de Literatura Foiro, Svislando, intencas eldoni universalan kalendaron kun malnovaj, popolaj rimaĵoj pri la vetero. Mi klopodas kolekti tiajn "veter-rimaĵojn" el diversaj lingvoj kaj landoj. Doktoro Marjorie Boulton tradukis por mi nombron da anglaj rimaĵoj. Ŝi opinias nian projekton interesa kaj kulture valora. Lilli Giloteaux, el Francio, kaj mi esperantigis grandan kolekton el la nederlanda, franca kaj germana lingvoj. Mi ŝatus havi popolajn veterrimaĵojn ankaŭ el via lando. Ĉu vi bonvolus provizi nin per tiaj rimaĵoj? Sufiĉas sendi prozajn tradukojn. Mi mem rimigos. Kostojn mi repagos. Honorarion mi bedaŭrinde ne povas doni. Mi estos tre danka, se vi iel helpos min.

*L. C. Deij, Sandelingeweg 14*
*NL 2988 BT Ridderkerk, Nederlando*

Kelkaj ekzemploj: *El la nederlanda:*

En januaro suno
pomoj en aŭtuno.

*El la franca:*

Se marto logas per sunhelo
ne malutilas la mantelo.

*El la germana:*

Ju pli frosta januaro
des pli bona por la jaro.

*El la angla:*

Herbo verda dum januaro
malpli kreskos dum la tuta jaro.

*El la hungara:*

Maja pluvo oron valoras.



Ni ne bezonas esprimojn, kiuj enhavas veterrilatajn vortojn, sed nenion diras pri la vetero, ekz.: Neĝo kaŝas nur ĝis printempo. Post vetero malbela lumas suno plej hela ks. Venu reagoj el plej diversaj mondo-partoj!

# BOJ... BOJ... SALUTON !





Mi nomiĝas MAKS. Mi havas 5 jarojn kaj mi tre bone komprenas Esperanton. En mia familio ĉiuj parolas kaj bojas nur esperante.

Jen mia sinjorino Esperantina. Ŝi estas denaska esperantistino en tria generacio. Ŝi tenas mian 4-monatan filon, kiu nomiĝas Jeti.

Jeti estas tre saĝa kaj inteligenta sed ankaŭ treege petolema. Do mi havas multajn problemojn. Mi volonte akceptos viajn konsilojn, kiamaniere bone eduki hundidon.

Via Maks

# KURIERO D'AMANGOUA

03 B.P.
572
ABIDJAN
Eburbordo

Por nia kuriero ĉi foje ni prenas el malnova numero desegnaĵojn de N'choyaba Clarisse, 13-jara studento en la klaso. Ŝi desegnis patrinon ĉe la puto, ĉerpante akvon el la tero. Akvo ne venas tra tuboj kaj el krano, sed de sub la tero ĉe puto. Estas granda laboro preni akvon. En la dua bildo kokino manĝas grajnojn, kiuj falis de la kuirpoto sur la fajro. Apude manĝas ankaŭ la koko. Kiam ĝi krias en la mateno, Panjo vekiĝas kaj bruligas la lignon por la fajro.

*Ni forte esperas ricevi baldaŭ freŝajn bildojn kaj rakontojn el Amangoua-Koi, kaj ankaŭ el aliaj klasoj aŭ kluboj en Afriko. En nia redakta oficejo ni tute ne plu havas materialon! Sendu! Sendu!*



Letero el Kroatio:

# Milito en mia urbeto.



**Milito, la vorto, kiu por mi kaj ĉiuj aliaj infanoj de mia lando, bedaŭrinde fariĝis io tute konkreta. La aviadiloj tage kaj nokte flugadas tra ĉiuj partoj de la lando, iliaj teruraj bomboj kaj rakedoj mortigas bestojn, gepatrojn kaj infanojn. Mi loĝas en ankoraŭ sufiĉe paca loko kvankam la tutan tagon mi aŭdas pafadon de la proksima rivero kiu estas la limo inter la militantaj partioj. La rivero, en kiu mi antaŭ kelkaj monatoj baniĝis estas militejo.**

**Nokte mia urbeto troviĝas en absoluta mallumo, por ke la aviadiloj ne sciu kie ni troviĝas. Kelkfoje ni devas fuĝi en niajn kelojn kaj alispecajn kaŝejojn ankaŭ nokte. Dum tago ni iras al la lernejo kaj iam ankaŭ devas kuri al la lerneja kelo, timante ni iras tra la stratoj ĉar ofte oni aŭdas la sonon de la alarmo, kiu anoncas la aviadilan atakon. Tiam mi devas rapide serĉi la signon kun orangkolora triangulo sur la blua malantaŭo — la signo de la kaŝejo. En la urbo ĉiuj fenestroj estas gluitaj per ĉiaspecaj glubendoj, por ke la fenestroj ne disfalu kaj vundu iun se la bombardado vere okazus. Tion mi ne povas imagi.**

**Mia urbeto jam foje estis bombardita. Kial? Tion komprenas neniu. Pri kio kulpas tiom multaj vunditaj kaj mortaj infanoj, pri kio kulpas miloj da infanoj sen gepatroj, ĉiuj homoj, kiuj devis fuĝi el siaj urboj kaj hejmoj kunportante eble nur unu karan aferon el sia loĝejo kaj pensante pri tio, ke eble *ili neniam plu vidos ĝin, eble eĉ la urbon tute ne.***

**Ofte oni ĉesigas la lernejon kaj tiam mi kaj ankoraŭ miloj da infanoj solaj sidas en la kaŝejoj. Tiam dum tuta tago mi sidas en la kelo kun ankoraŭ kvar infanoj kaj pensas pri tio, kio okazos. Kelkfoje mi jam fuĝis timiĝinte sub la tablon, pensante, ke oni bombardas ion tre proksime. Poste mi eksciis, ke pafis la kroataj soldatoj al la aviadiloj kaj ĉar ili troviĝas kelkcent metrojn de mia hejmo mi kompreneble teruriĝis. Nokte mi ne plu dormas en mia ĉambro sed kun patrino, dum mia fratino kaj patro ne plu loĝas kun ni. Dum du tagoj ni vivis sen akvo kaj elektro, sen hejtado. Tiam mi pensis pri la infanoj, kiuj tiel vivis dum monatoj. Sed kial? Tion neniu racia homo komprenas.**

*Maja Tiŝljar, Velika Gorica, Kroatio.*



# LA LUDOJ DE GILENA

ESPERANTO: lingva rimedo mirinda por bone interkomuniki kun aliuloj. Sed, ĉar homoj estas homoj, ĉiam indas plibonigi la kvaliton de nia komunikado en la ĉiutaga vivo. Ĉu estas eble, agrable atingi tiun celon en etoso de plena reciproka respekto kaj bonhumoro, ne ekskluzive nur tra la lingvo ? Fakte! Tia rimedo ekzistas, nome : "LA LUDOJ DE GILENA". Se la nocio pri ludo estas niamense ĝenerale kunligita al tiu de rido, ĝi neniel ajn implicas supraĵecon, kontraŭe! Krome, tiuj ĉi ludekzercoj ne sekvas la regulojn de la laŭkutimaj ludoj konkursaj, ĉe kiuj nepre la plej inteligenta, klera aŭ rapida partoprenanto gajnas, dum la ceteraj aĉe malsukcesas. Ne "vi aŭ mi" sed "vi kaj mi" estas kune gajnantoj, ĉar temas pri LUDOJ KUNAGADAJ. Ni helpas kaj subtenas nin reciproke en ĝojiga, frateca rondo. Komuna sento kreskas aŭtomate. Nu, ĉu ne ĝuste tio ĉi estas esenca por ni, esperantistoj ? Do, ne plu hezitu : provu ilin !




ĉiu, sen escepto, povas partopreni en la ludoj novaj, sendepende de aĝo kaj klero... la ludoj novaj estas ludeblaj ĉie, ili ne postulas materialon (la baza elemento estas la ludanto mem). la minimuma nombro de partoprenantoj estas kvin, la maksimuma kvindek.

animas: ghislaine tilleux-craenhals, les hauts de meuse 4, b-5101 erpent (belgio), tel. (32)81 303920.

# Pomo




La instruistino prezentis Manjan al la klaso. Ŝi venis el malproksima urbo. Ŝiaj gepatroj eksedziĝis. Si vivis kun sia patrino en modesta ĉambro. Neniu konis ilin en la urbo. La patrino pasigis la tutan tagon per laborserĉado. Por la samklasanoj ŝi estis fremdulo. Ili ne volis amikiĝi kun ŝi. Dum la interstudhoraj paŭzoj ŝi timeme flankentiriĝis. La bubaĉoj primokis ŝin. Pasis la tagoj, eĉ semajnoj kaj alvenis la grandaj studhoraj ekzamenoj. Ĉiu silentis kaj tremegis. La instruistino estis rigora kaj devigis perfektan respondon je siaj demandoj. Peĉjo estis malbona lernanto. Preskaŭ ĉiufoje li ne sciis respondi al la demandoj de la instruistino. Pro tio li ricevis malbonan noton.

"Kial vi ne lernas Peĉjo? " demandis la instruistino.

Peĉjo nur stultete silentis kaj li ne kuraĝis rigardi al la instruistino, kiu daŭrigis: "en la estonto ĉiun malbonan lernanton helpos eminentulo".

Inter la bonaj lernantoj estis ankaŭ Manja. Ŝi ĉiam diligente lernis kaj baldaŭ ŝi iĝis la plej bona lernantino de la klaso. Tute hazarde Manja helpis Peĉjon. "Mi ne volas " protestis Peĉjo "ŝi estas fremdulo ". Peĉjo vane protestis. Vole-nevole Manja helpis al li. Ekde tiu tago ili sidis en sama benko kaj komune solvis ĉiun taskon. La knabino klarigis al li la lernendan lecionon. Komence Peĉjo ne atentis ŝin. Li surmetis siajn manojn sur la orelojn, se Manja alparolis lin. Li elŝovis sian langon montrante timigan vizaĝon al ŝi. Sed lia helpantino estis obstina. Senlace kaj diligente ŝi klarigadis la lecionon. Ofte ankaŭ en la interstudhoraj paŭzoj ŝi akompanis Peĉjon al la korto, kiam li volis piedpilki kun la knaboj. Ŝi iris apud li kaj klarigis lecionon. Tio ĉi tre ĝenis Peĉjon kaj li timigis la knabinon per bato. Tamen li ne povis forpeli ŝin. Baldaŭ estis videbla la rezulto de ŝia penado. Post la studhora ekzameno la instruistino rimarkis: "Geknaboj! Peĉjo jam ne estas malbona lernanto. En la studado li bonrezulte progresas. En la estonto ne necesas la helpo de Manja ".

Peĉjo estis tre fiera kaj al ĉiu li fanfaronis pri sia sukceso. Estis printempo. En tiu ĉi jarsezono jam mankis la bela, ruĝa pomo el la montrofenestro de la fruktovendejoj. Tial ĝi estis granda trezoro. Iun tagon Peĉjo tamen portis pomon al la lernejo. Ĝin li ricevis de sia avino. Ekvidante la ruĝan pomon la geknaboj petegis: "Donu al mi ĝian duonon! " Li distranĉis la pomon kaj je la miro de ĉiu klasano ĝin li portis al Manja.

"Bonvolu ekpreni la duonon de la pomo ".

La okuloj de la knabino ekbrilis kaj ŝi etendis sian manon al la pomo. La geknaboj mutiĝis, nur kelkaj enviemuloj diradis mokante

"Geamantoj! Geamantoj! Ili iras ĉien kune ".

*Apáti Kovács Béla, Kaposvár, Hungario.*

## Bru-plena mondo

La aŭto bruas sur la strato.
Miaŭas hejme nia kato.
La hundo bojas plenplezure.
Ĝi faras tion laŭnature.

Pli bone estus ja silenti,
Ne aliulojn bru-turmenti.
La knaboj, kiuj krias multe,
Plej ofte nur kondutas stulte.




## Antaŭdorma diraĵo

Ree kuŝas mi enlite,
Ĉar la tago pasis for.
Logas dormo nun invite,
Portos min tra l'nokta hor'.

Granda laco nun descendas.
Estas panja am' kun mi.
Belaj revoj min atendas
En la land' de l'fantazi'.




*Rikardo Ŝulco, Germanio*

# Infanaj ŝercoj.

Kvinjara Karlo venas hejmen, sanga kaj kun vundo sur brako. La patrino demandas: ”Kie vi estis? Kial vi estas vundita? ”

”Fritz ĵetis ŝtonojn al mi.”

”Nu, en tia kazo vi devis voki min” diris la patrino.

”Vin? Vi ja ne trafas eĉ la muron de nia kabano. ” respondas la filo.



* * * * *

”Kiom da fratoj vi havas, Mati?”
”Kvar”
”Ne mensogu! Via fratino diris, ke ŝi havas kvin fratojn!”

* * * * *

Dek jara Oskar preĝas vespere: ”Kara dio, faru tiel, ke Parizo estu la ĉefurbo de Anglio. Mi en mia ekzameno skribis tion!”

* * * * *

”Petro, ĉu vi formanĝis la tutan kaĉon mem?”

”Ne, panjo, mi donis duonon al la kato kaj parton al la eta frato ”

* * * * *

Malgranda Viktor diras al panjo: ”Niaj novaj najbaroj estas tre malriĉaj!”
”De kie vi scias?”
”Nu, kia kriado estiĝis, kiam ilia eta knabo forglutis trikopekan moneron!”

* * * * *

”Ĉu vi ne estas edzigita, onklo Johano?” demandas eta Marko.

”Ne, knabeto mia. ”

”Sed kiu diros al vi, kion vi rajtas fari kaj kion ne?

* * * * *

Malgranda knabineto ploras amare. Iu sinjoro demandas: ”Infaneto kial vi ploras?”

”Linjo batis mian buterpanon el miaj manoj.”

”Ĉu kun intenco?”

”Ne, kun kolbaso.”

* * * * *

”Kial viaj manoj estas tiom malpuraj, Petro?”

”Mi lavis la vizaĝon, panjo.”

*Johannes Palu, Tallinn, Estonio*

# TRI RECEPTOJ

Jen tri ne tre konataj receptoj el Meklemburgio (norda Germanio). Mi deziras al vi ĝojon dum la preparado kaj bonan apetiton!

## Piroj kaj farunbuletoj.

Senŝeligu kelkajn pirojn, tranĉu ilin en malgrandajn pecetojn kaj forigu la kernojn. Metu la pirojn en poton kun malvarma akvo kaj varmigu ilin. Kunmetu iom da sukero aŭ vanilia sukero. Por la farunbuletoj prenu ovon, kuleron da mola butero kaj 250 gramojn da faruno. Miksu la ovon, buteron kaj farunon, ĝis vi ricevas molan paston. Nun formu globetojn kaj metu ilin en la bolantan pirosupon. (Plej simple estas, se vi prenas iom da pasto per kulero kaj metas tion en la supon). Je malmulta varmigo (la supo ne darfas boli), atendu ĝis la buletoj eknaĝas. Nun vi ankoraŭ povas kunmeti iom da citrono kaj vi havas bongustan fruktosupon.

## Bakitaj pomoj.

Tio estas bonega plado dum tre malvarmaj vintraj tagoj. Se vi planas neĝekskurson, vi antaŭe povas meti pomon sur telero en la kahelan fornon. Kiam vi trafrostigita venos hejmen vin atendas bongusta varma pomo. Dolĉigu ĝin per sukero kaj manĝu kun apetito! Se vi ne havas kahelan fornon, vi ankaŭ povas uzi la bakfornon (ĉ.15 min), bedaŭrinde nur post la ekskurso.

## Ĉielo kaj tero.

Vi bezonas:
1 kilogramon da terpomoj
1 kilogramon da maldolĉaj pomoj
iom da citrona ŝelo
sukeron
1/4 litron da lakto
1 kuleron da salo
iom da muskato
1 kuleron da graso
50 gramojn da lardo
2-3 cepojn, kelkajn tranĉaĵojn da sangokolbaso.



Senŝeligu la terpomojn kaj stufu ilin molaj, tranĉu la senŝeligitajn pomojn en pecojn, forigu la kernojn. Nun varmigu la pomojn kun iom da akvo, citronŝelo kaj iom da sukero. Kaĉigu la terpomojn. Kunmetu varmegan lakton, salon, muskaton, la pomojn kaj pomsaŭcon. Miksu ĉion bone. Ekfritu la cepojn kaj la lardon en la graso. Prenu ilin el la graso kaj verŝu ilin super la kaĉon. Ekfritu la kolbason.

Bonan apetiton!
Via Heike Biele, Germanio.

# ENKETILO PRI INSTRUADO EN ELEMENTAJ KAJ MEZAJ LERNEJOJ en1991/92
## Organizita de ILEI

### Belgio

Oostende, "Den Anklap" - Esperanto Klubo "La Konko"; Marc KUFFEZ, Elisabethlaan 295, B-8400 Oostende; ne; ne; 4; 13 - 15-jaraj; 2 jaroj; 80 horoj; 2 h/sem; neoficiala; ekzameno; IK.

### Britio

York; York Sixth Form College; John IBBOTSON; 32 Turners Croft, Heslington, York Y01 5EL; jes; ne; 14; 16-jaraj; 3 monatoj; 10 horoj; 1h/sem; oficiala; sen ekzameno; KK.

Chippenham; Sheldon Lernejo, Hardenhuish Lane, Chippenham, Wilts., SN14 6HJ. Malcolm JONES; jes; jes; 5, 13-jaraj; 25 min/sem. Lunĉ-paŭza klubo.

### Ĉinio

Jinan, Shandong Universitato, 250100 Jinan; Liu XIAOJUN; jes; jes; 13; 21 -23 jaraj; 2 jaroj; 4 horoj semajne; oficiala; deviga ekzameno, sen ĝi la gestudentoj ne povas diplomiĝi en la universitato; KK.

Xiang Tan, Xiangtan Normala (Instruista) Instituto; Wang Qingsu, 5-501 Xiangtan Normala Instituto, 411201 Xiang Tan; Hunan Prov; jes; jes; 30; 20-jaraj; 1-jara kurso; 110 horoj; 3 h/sem; oficiala; ekzameno; IK.

Vidu ankaŭ la duan eldonon de 'Materialo pri la oficiala Esperanto-instruado en Ĉinio, kiu donas superrigardon pri la plurdekoj da kursoj.

### Estonio

Tallinn, Instruista domo, Raekoja Plats 14, Tallinn. Eve OTSA. jes. 3, 17-60-jaraj. 70 studhoroj.

Tallinn, 44a Keskkool, 200029 Tallinn; Johannes PALU. jes; jes. 13-15-jaraj. 40 min/sem. 35 studhoroj.

### Finnlando

Tampere, Lentavanniemen koulu, Lentavanniemenkatu 3, SF-33410 Tampere; Sylvia HAMALAINEN; jes; jes; 6; 9-jaraj; dum daŭro de la lernojaro; 36 studhoroj; 1 horo semajne; neoficiala; sen ekzameno.

### Francio

La Ricamarie, infana kurso ekster la lernejo, Jacques DONY, 3 bis rue Jean Jaures, F-42150 La Ricamarie; 4; 11-jaraj; dum la lernojaro; 74 horoj; 2 h/sem; neoficiala; sen ekzameno.

Carpentras, Marie HUNNINCK, Centre Culturel 'La Charité', B.P. 136, F-84200 Carpen:' as. 5, 10-13-jaraj okaze de semajnfinaj staĝoj.

Outreau, College Albert Camus, Rue du Pres. Kennedy, F-62230 Outreau. S-ino Moniquie NOEL. Jes; Ne. 10 + 19, 10-14-jaraj. 1 studhoro semajne. Klubo.

### Germanio

Hamburg, Hamburga Esperanto-Klubejo, Klaus Groth str. 95, D-W-2000 Hamburg 26; Hella LANKA, Grunewaldstr.2, 2000 Hamburg 52; ne; ne; 12 komencantoj, 7 progresantoj; 26 - 68-jaraj; duono da jaro; 60-80 studhoroj en 24 lecionoj; 4 h/sem. komencantoj, 6 h/sem. progresantoj; neoficiala; okazas ekzameno; IK.

Duisburg, Stadt. Gemeinschaftsgrundschule, Krefelder Str. 47, D-W-4100 Duisburg 14; Heinz Gerd DIESENHOFF; jes; ne; du grupoj- I-10 infanoj, II-8 infanoj; 9-jaraj; 1 jaro; 70 - 80 studhoroj; 2 akademiaj kaj 1,5 horloĝa; neoficiala; sen ekzameno; IK, KK

Kolonjo, Stadtisches Gymnasium Schulstrasse, Schulstr. 18, D-W-5000 Koln 71; Harald SCHMITZ; jes; jes; 6; 11-18-jaraj; 2 jaroj; 140 studhoroj; 2x45 min./sem. neoficiala; ekzameno; KK.

Rottweil, Leibnitz Gymnasium, Heerstr. 140. D-W-7210 Rottweil; Lothar MAHN; ne; jes; 8; 12-18-jaraj; dum la lernojaro; 5-semajnaj diversgrupaj kursoj; 1 h/sem; neoficiala; ekzameno.

### Haitio

Port-au-Prince, College Bethesda, Rue Lamarre. Adrien LUZINCOURT. Jes; ne. 25,

19-30-jaraj. 2 studhoroj/sem, 24 entute. En oficialaj horoj sabate. bezonas librojn kaj kontaktojn.

## Hungario

La Hungara ILEI sekcio raportas 1688 lernantojn en 1991/92: 20 en infan-ĝardenoj, 137 en klasoj 1-4, 601 en klasoj 5-8 de elementa lernejo, 675 en mez-lernejoj, 167 en altlernejoj, inkl. 12 en instruistaj trejnejoj kaj 88 en universitatoj, el kiuj 23 instruistoj. Pluraj instruistoj krome raportis rekte al ni:

Eger, Geza Gardonyi Gimnazio H-3300 Eger, Csiki u. 1.; BALOGH Viktoria, H-3300 Eger, Malomarok u. 40; jes; ne; tri grupoj: I-11 personoj; 17-18 jaraj; 2 jaroj; 60 horoj; 2 h/sem.;oficiala; kun ekzameno; IK. II-a grupo 14 personoj; 19-20 jaraj; 2 jaroj; 160 horoj; 3 h/sem; oficiala; kun ekzameno; IK. III-a grupo 15 personoj; 19-20 jaraj; 2jaroj; 160 horoj; 3 h/sem; oficiala; kun ekzameno; IK.

Eger, 9.sz. Altalanos Iskola, Vallon u.2; DOMBOROCZKI Ignacne, H-3300 Eger, Hadnagy u. 10. II/5; jes; jes; 8; 8-10-jaraj; 3-4 jaroj; 50 horoj jare; 2 h/sem; neoficiala; sen ekzameno; KK.

Kecskemet, Banyai Júlia Gimnazium, Nyiri út 11, H-6000 Kecskemet. S-ino Elizabeth kaj s-ro Geza KURUCZ. Jes; jes. 111 lernantoj, 15-17-jaraj. 2-3 studhoroj/sem., 350 entute. Ŝtata ekzameno. Volas korespondi.

Kisgörbo, Körzeti Altalanos Iskola, H-8356 Kisgorbo; d-r SÁMSON László. Jes; jes. 47, 8-12-jaraj. 9 studhoroj entute por diversaj grupoj. Oficiala. Dez. koresp.

Matrafured, Körzeti Alt. Iskola és Diákotthon, Udulosor 1, H-3232 Mátrafured. KISS József. Jes; jes. 8, 13-14-jaraj. 2 h/sem., 50 entute. Neoficiala. Dez. kor.

Papa, Nagy László Alt. Iskola, Anna tér 1., H–8500 Pápa. NÉMETH József, KOVÁCS Attilánė, 9+46+25+8, 11-14-jaraj. 2h/sem, entute 60-140.

Sarkad, Endre Ady Eksperimenta Mezlernejo, Vasut u. 2, H-5720 Sarkad, d-ro Georgo FLENDER. Jes; jes. 8+17+10+12, 16-18-jaraj. 4h/sem. 192 entute.

## Italio

Massa, Villette B, Via S.G. Vecchio, I-54000 Massa. Ionne BERTOZZI. Jes; ne. 14, 11-jaraj. 2h/sem. 50 entute. Oficiala kun ekzameno. Dez. kor.

## Jugoslavio

Novi Becej, elementa lernejo, ul. M. Tita 5. F-ino Agnes SANISLO. Jes; jes. 15, 12-jaraj. 1-2h/sem., 50 entute. Ne-oficiala. Dez. kor.

## Koreio

Seulo, Dankook universitato, Hannamdong, Seulo 140-714. MA, Young-tae. 300 studentoj, 20-jaraj. 2 h/sem, 16 semestre. Oficiala kun ekzamenoj. Grupa korespondado dezirata.

## Kroatio

Zagreb, Bazlernejo 'Bartol Kaŝic', Marija BELOSEVIC. Jes; Ne. 12, 11-14-jaraj. 2h/sem. 70 entute. Similaj klasoj en du pliaj lernejoj.

## Nederlando

Apeldoorn, Nosobe Roosdorp Studie Fonds, J. Verheule, Jachtlaan 232, NL-7312 GR Apeldoorn. 6, 30-70-jaraj. 30h/sem, 200 entute. Oficiala.

## Nigerio

Illeh Ekpoma, Universitato de Ekpoma, P.O. Kesto 62, Ekpoma. D-ro Godwini I. OBOH. Jes; jes. 45, 8-20-jaraj. 10h/sem. 300 entute. Oficiala. Dez. kor.

## Pollando

Mikolow, Klubejo Ognisko Pracy Polaszkolnej 2, K. Miarki 9, PL-43190 Mikolow. Felicja KOSTOW. 15, 8-11-jaraj. 2h/sem. Ne-oficiala. Volas interŝanĝi kantaretojn.

Stomniki, Elementa lernejo, Swierczewskiego 2, PL-32-090 Stomniki. Ewa KASZUBA. 20, 10-jaraj. 2 h/sem. Oficiala. Sen ekzameno. Dez. kor.

Tychy, Elementa Lernejo 1, ul. Tolstoya 1, PL-43-100 Tychy. Hanna KWASNIEWICZ, Jes; jes. 20, 8-14-jaraj. 2h/sem.

## Rumanio

Oradea, Bazlernejo 16, Calugareni 4, R-3700 Oradea. Suzanna BARABAS. Jes; ne. 32, 12-jaraj. 1h/sem. Neoficiala. Ekzameno. Dez. kor. kaj ricevi lernolibrojn.

Praid, Scoala Generala 'Aprily Lajos', R-4174 Priad. Lenke SZASZ, Jes; jes. 30, 10-14-jaraj, 1h/sem. 30 entute. Oficiala fakrondo. Dez. kor.

**Svedio**

Karlskoga, Popola alt-lernejo, 8-semajnaj kursoj (v. IPR 91/4)

**Ukrainio**

Kievo, Mezlernejo 263. Svetlana FEDOTOVA, P.O. Kesto 88, UKR-253222 Kiev. Jes, ne. 36, 11-16-jaraj, 6h/sem. 102 entute. Oficiala. Dez. kor. kaj kontaktojn.

Komplemente al ĉi tiu enketilo estas tiu pri la instruado je universitata nivelo. Nun estas la post-lasta momento raporti viajn kursojn al s-ro G. Pirlot, Steenbakkerstraat 21, B-8400 Ostendo, Belgio.

Uzu ĉi tiujn rezultojn starigi kontakton kun lernantoj en eksterlando.

# Klubo de legantoj

La rubrikon gvidas: Josef Chvosta, Dr. Horákové 16/268, CS-290 01 Podebrady, Ĉeĥoslovakio

## Misaj vortoj

Karolo rakontas, kiel li pasigis sian lastan liberan tagon:

Mi vekiĝis, kiam la termometro montris 8.15atm. Do, mi formetis tablotukon, kiu kovris min dum dormo en mia ŝranko. Mi iris el la provizejon por lavi min. Mi lavis min per malvarma salo kaj uzis eĉ ŝtonon. Post lavado mi vestis min, iris al la tablo, kie mia patrino jam preparis la vespermanĝon: mi havis poton kun pano kaj trinkis ĝin kune kun kafo surŝmirita de butero. Kiam mi finmanĝis, mi kombis miajn ungojn kaj purigis per broseto mian langon. La tago estis bela do mi decidis promeneti. Komence mi intencis iri surbrake, sed poste mi decidis iri bicikle. Do, mi eltiris mian novan biciklon el la domo kaj veturis sur la rivereto. Mi poste ŝercis ĉerizojn, kiuj ie kreskis sur la tero inter arboj. Mi kolektis plenan sakon. Sed necesis pensi pri reveturo; mi ja volis esti hejme tagmeze. Do, mi ekiris. De arbara rivereto, kie preskaŭ neniu veturis, mi enveturis la ĉefan riveron, kie veturis multaj aŭtoj kaj kamionoj. Feliĉe estis tie strio nur por biciklistoj. Precize je la dekdua mi staris antaŭ nia pordo, kiu estis ŝlosita. Do, mi elprenis el mia poŝo kuleron kaj malfermis la pordon. En la vestiblo mi formetis ĉapojn de sur miaj piedoj, ganton de sur mia kapo kaj eniris la manĝejon, kie jam mia patrino preparis sur la kofro riĉan tagmanĝon.

Karolo finis sian rakonton, sed ŝajnas, ke kelkaj vortoj aŭ tutaj imagoj estas misaj, netrafaj. Ĉu vi kapablas ripeti la rakontadon kun ĝustaj vortoj? Provu tion. Sendu skribitan respondon al la supra adreso, ĉiu ricevos respondon kun Esperanta interesaĵo.

# Deziras korespondi

### Aŭstralio

Michael Bruer, RSD 226, Strathalbyn, 5255, SA.

Caroline Bush, 44 Dalry Rd, Darlington, 6070 Perth, WA.

Yasser Elgammel, Street view Terraco, Darlington, 6070 Perth, WA.

### Belgio

Renata Buysse, Doorslaardorp 85, B-9160 Lokeren.

### Brazilo

Vinicius Bogea Camara, R. Soldado Anelio, da Luz N 405, BR-23025 Pedra de Guaratiba (RJ).

Raquel Morse Lobo, Rua Francisco Portela, 2472 casa 8, parada 40, BR-24520 S. Goncalo (RJ).

Bruno Gasparini, R. Rio de Janeiro 1457, BR-16900, Andradina, (SP).

### Ĉehoslovakio

12 gelernantoj 9 - 12 jaraĝaj deziras korespondi kun la tuta mondo. Instruisto: Vladimir Rotrekel, Dobšice 297, CS-669 02 Znojmo.

### Ĉinio

Tajvana E-Asocio, PO Wang Chung-zi, N13, 2 Alley 40 Lane Chung Yung Street, Shih Lin, Taipei.

### Ekvadoro

Marco D. Santillan, 5 de Junio 322-64 y Mexico, Riobamba.

Joffre Villagomez, Ayacucho 38-45 Carlos Zambrano, Riobamba.

### Francio

Joelle Daney-Berge, 28 r. J. Jaures, F-09300 Lavelanet.

J. R. Chasle, 22 rue de la Mairie, F-22650 Ploubalay.

9-jaraj gelernantoj, Classe de CE 2, Ecole Publique, F-63390 St. Gervais d'Auvergne.

### Hungario

Brunner Tamas, H-8500 Papa, Kando u. 6.

Burian Anita, H-8500 Papa, Batthyany u. 41/a.

Kiss Kornel, H-8500 Papa-Tapolcafo, Tapolcafoi u. 136.

Kovacs Brigitta, H-8500 Papa, Budai Nagy Antal u. 18/a.

Soos Krisztina, H-8500 Nagygyimot, Papai u. 44.

Csizmadia Hajnalka, H-8456 Noszlop, Jokai M. u. 13.

### Irano

Djavad Kamali, c/o Pars pharm. 91846 Mashado.

Sasan Pakravan, 22-jara komencanto dez. kor. tm. pri ĉiuj temoj, IR-91375 Meshed, Box 3548.

### Latvio

Valentina Larsoke, 23-jara studentino, 226013 Riga, str. Valdemara 145/5 - 57.

### Mongoliio

Bsambasav, Cogtcecij 10 mezlernejo, 110000 Omnogov.

### Norvegio

Ivo Spira, Hellav. 8, N-3140 Borgheim. 13-jara el sudorienta Norvegio dez. kor. kun knabo aŭ knabino en orient(eŭropa) aŭ alia lando.

### Pollando

Lukasz Uniejewski, skr. poczt. 11 Os. Brozka 26/24, PL-29100 Wloszczowa.

### Rusio

30 gelernantoj 15-16 jaraj, 183705 Murmansk, Prosp. Lenina 63 a, Klubo de Internacia Amikeco. Adreso de la instruisto: Aleksandras Masiukas, 183038 Murmansk, Prosp. Lenina 101 - 26.

Nataŝa Koĵinova, str. Depovskaja 15/2 - 69. SU - 656015 Barnaul 15 14-jara knabino dez. kor. tutm. pri ĉiuj temoj.

Nikolao Pedan, 322570 V-Dnieprovsk, ul. Petrovskogo 81/2 deziras por grupo de komencantoj (8-13-jaraj) nur kolektivan korespondadon kun samaĝaj eksterlandanoj.

Sergej Otstavnoj, 308001 Belgorod, a/kN 839, 13-jara knabo dez. kor. tutmonde pri diversaj temoj. Interesiĝas pri vojaĝoj kaj muziko.

**Svedio**

Rosalin Turner, Skogslyckan, Skarpasenvagen, S-590 60 Ljungbro.

**Togo**

Djondo Koffi, S/C M. Djondo Elie, BP 346 Biao, Lome.

**Usono**

Caroline Whalen, Library, Alcott School, 2625 N Orchard, Chicago, IL 60614.




Bildoj el la bulteno de la lernejo St. Joseph, Postbus 78, NL-1960 AB Heemskerk, Nederlando.





levu la ŝtonon! dividu la kukon!

# POŜTUKA KANTO



Perdis mi poŝtukon mian,
Panjo min mallaŭdis.
Ĝia kara trovonto,
ja, indos je mia kis'.

Kaj vendrede, kaj sabate
Rajtas min sapumi,
Kaj al mia karulino
Kelkajn kisojn doni.

**La ludo:** La infanoj kantas starante en rondo, unu ĉirkaŭiras antaŭ ili kun poŝtuko enmane. Fine de la unua strofo li/ŝi faligas la tukon antaŭ iun, kun kiu li/ŝi ĝiros brak'-en-brake dum la dua strofo, dum kiu la ceteraj ritme aplaŭdas.

*Johano Petik (H)*

30 ft

El la libreto

"Kantu Esperante
kun Janico kaj Johano"

kune kun son-kasedo de:

Infanoj ĉirkaŭ la mondo,
3876 Belmont Ave.,
San Diego, CA 92116, USA

## Ĉu Vi Povas Kalkuli Ĝis 2022?

A: Unu, du,
B: Tri, kvar,
C: Kvin kaj ses.
Ĉiuj: Ĉu vi povas kalkuli?
A: Jes. B: Jes. C: Jes.
A: Sep, ok,
B: Naŭ, dek,
C: Dek unu, dek du.
Ĉiuj: Ho, ni ŝatas kalkuli!
A: Nu! B: Nu! C: Nu!
A: Dudek, tridek,
B: Kvardek, kvindek,
C: Sesdek kaj tiel plu.
Ĉiuj: Cent, ducent,
Mil, dumil.
Dumil dudek du.







Desegno de
Elaine Fabian, aĝo 10.

Instruistoj! UEA reeldonis "Metodiko de la Esperanto-instruado" de Rudolf Rakuša. Re-form-eŭropanoj mendu de la hungara ILEI-sekcio adresô p2, 200ft. Aliaj ĉe UEA, 15gld.